13-a jaro. — N-ro 12 (154) DECEMBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

**JARA ABONPREZO: Fr. 20,—**
**EKSTERLANDE: Belgoj 5.—**

ANTVERPENO
1927

13a JARO N-ro 12 (154) DECEMBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj: FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.



## BABILADO

### LA TAGO DE LA LIBRO

Jam de kelkaj jaroj la Esperantistaro estas instigita de la kondukantoj de nia movado, al ĉiujara festado de l'naskiĝtago de nia Majstro, kaj, la 15an de ĉiu decembro ni ĉiuj, ĉu izole, ĉu kunveninte en niaj grupoj, kore kaj spirite komunias en la granda ideo, kiun Li venigis en la mondon! Bonega iniciativo, tio estis, ĉar tiel same kiel niaj grandaj kaj malgrandaj kongresoj ĉiujaraj, tiu komuniado revigligas nian entuziasmon, refortikigas nian konvinkon pri la boneco kaj la beleco kaj la utileco de l'Ideo, reakrigas nian volon kaj restimulas nian kuraĝon al nova, fruktodona propagando!

Nunjare, oni aligis ion novan al la solena datfestado: instigon al aĉetado de Esperantaj libroj. Prave! Niaj aŭtoroj ĉiunaciaj tradukas la ĉefverkojn el ĉiuj literaturoj, verkas novajn originalaĵojn belegajn: niaj scienculoj riĉigas nian sciencan trezoron, kaj eldonistoj al ni favoraj prenas sur sin, kun plezuro kaj entuziasmo la publikigon de ĉiuj tiuj novaj produktaĵoj spiritaj. Ni pripensu ke, k u n niaj verkistoj kaj tradukistoj, sed s e n niaj eldonistoj, nia tuta afero eĉ ne ekzistus! Ĉu efektive ĝia komenco ne estis prokrastita nur ĉar Dro Zamenhof ne trovis bonvolan eldoniston por sia unua broŝuro?

Ni estu do dankaj al niaj aŭtoroj kaj ĉefe al niaj eldonistoj: ni laŭdu kaj gratulu ilin, ĉar efektive ni devas konfesi, ke-precipe nuntempe, kiam aperas unu Esperanta libro po ĉiuj du aŭ tri tagoj —, ili nepre faras sian devon, eĉ pli ol sian devon!

Aliparte, persona sperto, jam ofte refarita, pruvis al ni abunde, ke ju pli da literaturaj kaj sciencaj verkoj, ĵurnaloj kaj revuoj ĉiunaciaj kaj ĉiufakaj, reklamiloj komercaj aŭ turismaj, afiŝoj, k.t.p. oni povas montri al la neesperantista publiko, des pli forte oni trafas ĝian atenton favore je nia movado, des pli serioze ĝi konsideras nian aferon, kaj

des pli facile ĝi estas konvinkigebla pri ties utileco, des pli ĝi estas almilitebla kaj gajnebla al Esperanto?

Prave ni do laŭdu kaj gratulu aŭtorojn, kaj precipe eldonistojn, sed ni pensu almenaŭ al tio, ke eldonado ne okazas sen grandaj monelspezoj kaj ke, se la eldonistoj konsentas — bonkore — fari ilin, ili almenaŭ rajtas esperi, ke bona vendado reenspezigos en ilian kason,la elspezitan monon!

Ni, Esperantistoj, havas do ankaŭ nepran devon plenumotan kontraŭ ili; ni devas ne senkuraĝigi ilin! Se ni volas, ke nia librotrezoro pligrandiĝu senĉese, kaj ĉiam pli trudu nian lingvon al la atento kaj al la respekto de l' profanuloj, ni devas favori la vendadon de la libroj!Certe, niaj personaj budĝetoj ne permesus al ni akiri ekzempleron de ĉiuj libroj, kiuj nun aperas tra la jaro! Sed ni povas certe akiri kelkajn el la ĉefaj! Ni faru niavice nian devon!

Estis do tre bona ideo, aldoni al nia ĉiujara solena Zamenhof - memortago la tagon de la libro!

Geamikoj, faru nepre vian devon, okaze de tiu tago! Vi aĉetu almenaŭ unu libron kaj vi ne pretekstu, ke eble ĉi tiu mia alvoko venas nur tro malfrue, post la pasiĝo de tiu tago kaj ne profitu je tio por sendi la plenumon de via devo al la grekaj kalendoj! Estas neniam tro malfrue por fari sian devon!

L. Cogen.

---

# KORTRIJK

Inter la urboj de okcidenta flandro Kortrijk estas la plej grava manufaktura, kaj ĝi ŝuldas sian riĉecon al la rivero Leie, kies serpentuma fluo ĉirkaŭbrakas la urbon, tra verdaj herbejoj.

La akvo de la Leie havas specialajn meritojn por la lintrempado el kiuj la bordanoj amplekse prenas profiton. Jam de generacioj tia industrio estis ilia ĉefa okupado.

Kortrijk estas ankaŭ konata por siaj artaj flandraj argilaĵoj kaj siaj multaj tegolfabrikoj. Depost kelkaj jaroj la mebla industrio multe plivastiĝis kaj nuntempe Kortrijk posedas la plej grandajn luksmeblajn fabrikojn el la lando.

Per siaj bulvardoj kaj stratoj plantitaj per arboj de la plej diversaj specoj, la urbo sin prezentas bela kaj alloga, tie ĉi kaj tie publikaj parketoj kaj ĝardenoj per la kolorefektoj de siaj floroj kaj verdaĵoj, agrable ornamas la urbon kaj donas al ĝi tute specialan fest-aspekton, kiu ĝoje kaj intense impresigas.

Citindaj estas kelkaj monumentoj. La urbdomo, konstruita en 1420, riparita komence de la 17a jarcento. La ekstera fasado datumas de 1525; ĝi estas plilongigita en 1615. La urbdomo enhavas du monumentajn kamenojn, ĉefverkoj de delikata skulptaĵo.

Meze de la ĉefa placo staras la gardaturo (belfrido), mezepoka brika konstruaĵo, lasta postsigno de la malgranda drapvendhalo.

Kortrijk estas beleta provinca urbo, kuŝanta proksimume je 12 kmoj de la Franca landlimo. Ĝi okupas inter la urboj de l'okcidenta flandro la trian lokon laŭ graveca ordo.

La origino de Kortrijk datumas de tre alta antikveco. Administracia dokumento, de l'komenco de la Va jarcento atestas la ĉeeston de la «cortoriacences» inter la trupoj el kiuj konsistis la 22a militlegio, sub komando de la kavaleriprefekto de Galio.

Dum la vintro de 880, Normandaj bandoj elektis ĝin kiel centron por siaj rabekskursoj al la interna lando.

La historio de Kortrijk estas tiu de ĉiuj limurboj, kiuj per sia topografia situo kaj prosperado estas unue elmetataj al la avideco aŭ al la venĝo de pli potenca najbaro.

Tuj de la komenco de sia historio ĝis la fino de l'Holando reĝimo, Kortrijk sentis la abomenon de sieĝoj kaj bataloj, ĝi vidis paradi en siaj stratoj la uniformojn de preskaŭ ĉiuj regimentoj de l'tuta Eŭropo, flirti sur siaj turoj la standardojn de princoj plej diversaj.

La lasta mondkatastrofo konfirmis ankoraŭ la ĝeneralan regulon.

Tamen Kortrijk ne ĉesis ampleksiĝi kaj prosperi, ĝia loĝantaro, kiu nombris 11.134 en 1789, 18.000 en 1827, 34.829 en 1910, atingas nun 38.140.



KORTRIJK. URBODOMO

En la fundo ekaperas la turo de preĝejo Sta Martino, kiu entenas 50 sonorilojn.

Apud tiu preĝejo estas la beginejo fondita en 1241 de Grafino Johanino de Konstantinopolo. Je kelkaj paŝoj de tie sin trovas la muzeo de

pentrarto kaj ĉe la fino de la strato staras la preĝejo Sankta Virgulino, kies fondo reiras ĝis 1204.

La grandaj vendhaloj, datumantaj de 1547, elmontrigas belan specimenon de civila arhitekturo de la 16a jarcento. Ili nun servas kiel komerca borso kaj muzeo de antikvaĵoj.

La karakteriza monumento, kiu kvazaŭ personigas la urbon, estas la du masivaj «Broel» turoj, konstruitaj sur la bordoj de la rivero Leie, tiuj «gigantaj piprujoj» kiel Camille Lemonnier ilin alnomas. Tiuj du turegoj, kiuj datumas de la jaroj 1386 kaj 1413 estas la lastaj restajoj de la malnova ĉirkaŭremparo de la urbo kaj de la unua kastelo de la Grafoj de Flandro La ponto, kiu ilin kunligas, estas el la sama epoko.



KORTRIJK, BROEL-TUREGOJ.

Dank' al la klopodoj de kelkaj sindonemaj samideanoj, nia movado ankaŭ komencas eklogiĝi en tiu industria urbo, kiu ĝis nun restis preskaŭ indiferenta al nia bela homama entrepreno. La izoluloj nun grupiĝis kaj laŭ antaŭvidataj eblecoj, ni firme esperas ke baldaŭ Kortrijk sin klasigos kiel aktiva Esperanto-centro.

La Belga Ligo Esperantista deziras tion elkore kaj subtenos je tutaj siaj fortoj la kreskantan movadon.

---

# BELGA KRONIKO

AALST - ALOST. — Neatendita sukceso! 80 gelernantoj sekvas la du kursojn gvidatajn de nia agema propagandisto Sro Bas, marde kaj vendrede. Tiun kuraĝigan sukceson ni ŝuldas al Sro Van Schamelhout kaj Van Overstraeten, kiuj tiel bone helpis Sron Bas. Grupo baldaŭ fondiĝos kun aro de novaj anoj por Belga Ligo! Plej korajn gratulojn al Sro Bas pro tiu nova sukceso!


LA VOIX
DE SON MAITRE

ANTVERPENO. — La 3an de Novembro malfermiĝis kurso organizata de la «**Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo**» kaj gvidata de Sro M. De Ketelaere.

**La Verda Stelo.** — La 5an de Novembro okazis en la kutima ejo, intima vespero, kiun agrabligis diversaj ludoj. — La 12an, la unua vintra balo kunigis multajn dancemulojn en la salono «Quatre Nations». Estis sukcesplena vespero, kiu brile malfermis la serion de la grupaj festoj. — La 19an, intima kunveno en Witte Leeuw.

La 26an, la Grupo amike akceptis en la salono de la «Cercle de la Chapelle de Bourgogne» Sron Hans Jakob, direktoro de U. E. A., el Genève kaj S-ron Ellersiek el Berlino. Post bonvenparolado de la Prezidanto Sro Jaumotte, la du alilandaj samideanoj siavice parolis pri la estonta kongreso en Antverpeno kaj pri la esperanta movado en Berlino. Poste Sro Schoofs, Honora Prezidanto, dankis la du vizitantojn, kiuj helpos al la kongreso aranĝante karavanon. Sekvis sukcesplena koncertprogramo kantata kaj ludata de S-inoj Timmermans, L. Faes, F-inoj M. Jacobs kaj J. Van Bockel. Intima dancado plej agrable finigis tiun vesperon.

«**Esperantista Klubo**» ĉe Baden Powell Belgian Boy & Sea Scouts, Distrikto Antverpeno. — Sro Joz. Van Gulck gvidas du kursojn kun entute 25 lernantoj. Tiuj kursoj komenciĝis la 3an kaj la 4an de Novembro.

BRAINE-L'ALLEUD. — La grupo oficiale fondiĝis kaj petis sian aliĝon al B. L. E. Jam ni havas tie aron de novaj agemaj kaj fervoraj amikoj de Esperanto, gvidataj de Sro Goossens, prezidanto, kaj Sro Defosse, Sekretario. Jen nova sukceso, kiun ni ŝuldas al nia Sindonema amiko Bas.

BRUĜO. — Nova kurso malfermiĝis la 9an de decembro gvidota de Sro Dervaux la lerta profesoro kaj prezidanto de la grupo. F-ino Thooris kaj Sro Poupeye ageme okupis sin pri la organizado de tiu kurso, kiu nedubeble, havos grandan sukceson kiel la pasintajn jarojn.

BRUSELO. — 26an de Oktobro interesplena kunveno okazis en la «Hejmo de la Studentoj» okaze de la vizito de Samideano Guerra, Poŝtestro en Tampico (Meksiko) kiu, Esperantolingve, tre elokvente defendis la reputacion de sia lando: Meksiko ja ne estas nur centro de malsocietemo kaj revolucio, sed malfeliĉa lando en la mezo de sia evolucio.

Novembro estis precipe dediĉita al la propagando.

Lundon 7an en la postlerneja klubo «La Besace» en Uccle, Sro Cogen, Vicprezidanto de B. L. E. parolis pri: «La internaciaj rilatoj kaj Esperanto».

Jaŭdon 10an en Popola Universitato de la soma loko, Sro Mathieux, kasisto de B. L. E. pri «Du progresoj kompletigantaj unu la alian: Esperanto kaj Radiofonio».

Lundon 21an nia sindonema Samideanino F-ino Jennen, lernejestrino, pri: «Esperanto ne plu estas utopia».

Tiuj paroladoj bone sukcesis kaj estis la plej taŭga antaŭparolo al la kursoj, kiuj komenciĝis la 22an de novembro en la lernejo, 62, rue du Doyenné, Uccle, (gvidanto: F-ino Obozinski) kaj la 23an de novembro en la lernejo, Place de la Duchesse, Molenbeek St-Jean (gvidanto Sro Vanderlijn).

Nova kurso estas preparata je fino de decembro en la popoldomo, sekcio de «Radio-klubo Socialista» (gvidanto Sro Bas).

BRUSELO. — La 5an de Decembro naskiĝis filino de la Brusela grupo, nomata «La Verdaj Noktuloj»: dudeko da gesamideanoj decidis kunveni ĉiulunde en la kafejo «Old Tom» apud Porte de Namur. Tie, autaŭ botelaro,ili forpelas ĉiujn malgajajn ideojn.En ĉiu kunveno estas farata monkolekto por aĉeti akciojn de «Belga Esperanto - Instituto», kaj donaci ĉi tiujn al la Brusela Grupo. — Bopatrinoj, suĉinfanoj, ruĝaj fiŝoj kaj majskaraboj ne povas aliĝi. Ĉiuj aliaj personoj estas kore invitataj pagi barelojn da biero al la ĉiam soifanta trinkulestraro.

GENTO. — Nova kurso bone funkciadas kaj interesa interparola kunveno okazas ĉiumerkrede je la 7a vespere en la lernejo: rue Neuve St-Pierre, No 47. Ĉar kelkaj nebelgaj samideanoj regule ĉeestas tiun kunvenon, oni nur parolas Esperante. Estas bona okazo por la Gentaj gesamideanoj perfektiĝi antaŭ la proksima universala kongreso en Antverpeno.

KORTRIJK - COURTRAI. — De kelka tempo ni kalkulas en tiu urbo kelkajn bonajn amikojn, kiuj tre bone propagandas nian lingvon. Ni havos baldaŭ novan grupeton dank 'al la klopodoj de Sro Gerard Debrouwere, kiu speciale sin okupas pri la loka propagando. Sro Cesar Van Biervliet, nova delegito de U. E. A. sin okupas pri la ĝenerala movado kaj jam varbis 5 aŭ 6 anojn por nia universala Asocio.

SANKTA NIKOLAO (Waes). — La 9an de novembro malfermiĝis nova kurso por 26 gelernantoj sub klera gvidado de Sro Clippeleir.

TIRLEMONT. — La movado tre bone progresadas dank'al la senĉesa propaganda laboro de nia sindonema amiko Sro Rodeyns. — Novaj kursoj okazas por ĉirkaŭ 50 gelernantoj sub la lerta gvidado de F-ino Liebesens, Sroj Decock, Poffé kaj Groetaers, geinstruistoj, novaj sed tre fervoraj Esperantistoj dank'al kiuj ni povas esperi novajn sukcesojn en Tirlemont.

---

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

Dum Novembro ni ricevis 21 artikolojn kaj notojn pri Esperanto el 13 gazetoj de 6 lokoj: 11 en flandra kaj 10 en franca lingvo.

Ne forgesu sendi eltranĉaĵojn al nia revuo.

# EL NIA RONDO

## GRATULOJ.

Sro GEORGES FLAMAND, Sekretario de la Asocio de ekslernantoj de Industria kaj Komerca Lernejo, Braine-l'Alleud, edziĝis la 17an de Decembro kun Fraŭlino Marguerite Hans, filino de la urbestro. Belga Ligo Esperantista prezentas al la junaj geedzoj siajn plej sincerajn gratulojn kaj bondezirojn.

---

## FORVETURO.

Sro JOH. WUNK, Estona samideano, loĝinta en Antverpeno, veturis hejmen kaj adiaŭas Antverpenajn gesamideanojn. 9 Decembro 1927.

---

# NEKROLOGO

Ni prezentas al F-ino kaj Sro DOTSELAERE, anoj de la Bruĝa grupo, niajn plej sincerajn kondolencajn sentojn okaze de la morto de ilia kara patrino.

Nia kara amiko, Fernand MATHIEUX, kasisto de la Belga Ligo Esperantista, havis la grandan doloron perdi sian karan patron, kiu 80-jara, mortis en Uccle, la 25an de Novembro 1927.

Belga Ligo Esperantista prezentas al sia fidela kasisto siajn plej korajn kunsentojn.

Sro Georges GERARD, advokato, membro de Brusela Grupo Esperantista, perdis sian karan patrinon. Tutkorajn kunsentojn.

S-ino M. ELWORTHY - POSENAER, komitatanino de Belga Ligo Esperantista, estis same trafita de la senkompata sorto : ŝia patrino mortis la 7an de Decembro. Al ŝi ni prezentas la esprimon de niaj plej sinceraj kondolencoj.

---

# DU VERSAJOJ

MIA AM'..

Mia am' similas al pokal' arĝenta,
plena je ŝaŭmanta vino. Karulino,
vin satigu per trinkaĵo tiu tenta:
novan vivon kreos ĝi en via sino.

---

Tiu vino, je mistera fort' abunda,
rejunigas kaj je amo ĝi instigas.
Ho ne timu, estas la pokal' senfunda:
dio de la amo daŭre ĝin plenigas.

**Jan Van Schoor.**

AL MIA PATRINO.

Patrino, simila al fil' erarinta,
— je via pardon' mi ne plu estas inda —
malsatas mi je via am' kvazaŭ pano!
Ĉu ne plu mi estas do via infano?

———

Patrino, rifuĝo min sole restanta,
sur tero am' via nur ne estas vanta!
Jen ree mi estas kun mia malriĉo,
vundita animo kaj morta feliĉo.

Jan Van Schoor.

---

# EL LA ESPERANTO-HISTORIO

Antaŭ kelkaj tagoj, la gazetaro alportis al ni novaĵon pri la eksiĝo de Lord Robert Cecil el sia posteno en la Brita Registaro. Por ni, Esperantistoj, tiu novaĵo havas specialan karakteron, ĉar Lord Robert Cecil estis, kun nia samlandano Sro Lafontaine, unu el la plej varmaj advokatoj de la Esperanta afero ĉe la Ligo de Nacioj.

Estas interese legi, en la ĵus aperinta 2a voluma de «Historio de la Lingvo Esperanto», verkita de Dro Edmond Privat, Prezidanto de I. C. K., la detalojn de la klopodoj faritaj en tiu kampo, por atingi rekomendon de Ligo de Nacioj al ĉiuj ŝtatoj, ke ili instruu Esperanton en la Lernejoj. Por ni, Belgoj, estas ankaŭ interese scii, kiamaniere niaj reprezentantoj defendis nian aferon.

La unua propono de rezolucio estis legata dum la unua kunveno de la Ligo de Nacioj, la 11an de Decembro 1920, kaj resendita al la komisiono Nro 2, kiu studis la proponon, kaj prezentis favoran raporton : « la 18an de Decembro, rakontas Dro Privat, ĉe la lasta kunsido ĝene-
« rala, senatano Lafontaine legis la raporton. Lin interrompis per ŝer-
« ca moko la prezidanto Paul Hymans, lia belga kolego. Franca dele-
« gito Gabriel Hanotaux, akademiano, kontraŭbatalis la proponon per
« elokventa prilaŭdo de la franca lingvo kaj de ĝia literaturo «jam
« universala en la tuta mondo de l'penso». Li petis, ke oni ne malfermu
« diskuton pri tiu temo kaj proponis la sendiskutan prokraston. La
« plimulto sindetenis, sed neniu subtenanto poste rajtis paroli. »

La sekvintan jaron, en 1921, la afero denove venis antaŭ la Ligo. Inter la proponintoj, ni ree trovas la nomojn de Lord Robert Cecil kaj de Sro Lafontaine, ankaŭ tiun de Sro Adatci, nune japana ambasadoro en Bruselo. Estis decidite, ke la Sekretario preparu raporton por la tria ĝenerala Kunsido de la Ligo, okazonta en Septembro 1923. Kaj denove ni legu Dron Privat:

« La raporto pri Esperanto kiel internacia helpa lingvo estis disdo-

« nata al la ĝenerala kunveno kaj submetata al ekzameno de ĝia kvina « komisiono (pri sociaj homaraj aferoj). Tie okazis tre vigla disku- « tado. Prof. Gilbert Murray, la fama helenisto, reprezentis Sud-Afrikon « post Lord Cecil. Li subtenis la konkludojn de la raporto kaj proponis « unu rekomendon pri lernejoj, unu pri telegrafo.

« La franca delegito, senatano Reynald, estis persone simpatia, sed « la instrukcioj de lia registaro estis absolute kontraŭaj. La ministro « de publika instruado, Léon Berard, estis ĵus malpermesinta en ĉiuj « francaj lernejoj instruadon aŭ propagandon por Esperanto kiel danĝera « ilo de internaciismo kaj konkurenco al la rolo de la franca lingvo en « la mondo. La franca delegito proponis resendi la tutan aferon al la « komisiono por intelekta kunlaborado por eviti tujan decidon. »

Tiu decido estis, post vigla diskuto, prezentita al la ĝenerala kunsido; sed, por ne ofendi la Aziajn kaj malgrandajn Eŭropajn landojn videble simpatiajn, oni unuanime voĉdonis oficialigon de la raporto.

Dum Aŭgusto 1923, la komisiono por intelekta kunlaborado, siavice, ekzamenis la aferon. « Sed la prezidanto, prof. Bergson, ne deziris, ke « oni studu la temon. La franca mnnistro Léon Bérard, estis petinta « lin, ke li «dronigu la Esperanto-puŝon». La fama filizofo intervenis el la prezida seĝo kaj proponis al la komisiono deklari, ke la Ligo de « Nacioj ne devas rekomendi artefaritan lingvon. »

Kaj la komisiono rifuzis studi la demandon pri artefarita lingvo. Estis ankaŭ dum tiu kunveno, ke la Belga belarta ministro Destrée diris, ke li simpatias Esperanton por la popolo, sed ne por la intelektuloj!

Strange estas konstati, kiel Francujo, kiu helpis la mondan disvastigon de Esperanto, kaj gvidis grandparte la tutmondan movadon antaŭ la milito, subite, pro politikaj kaŭzoj, ŝanĝis sian sintenon, kaj, je la decida momento, malhelpis tian gravan paŝon antaŭen, kiu eble estus doninta grandegan sukceson: la deviga instruado de Esperanto en la lernejoj.

La tuta libro estas leginda kaj ni varme rekomendas ĝin al nia belga esperantistaro. Nur estas bedaŭrinde, ke tiaj belaj libroj, bonege eldonitaj, estas preskaŭ neaĉeteblaj de ni, per niaj belgaj franketoj!

RILO.

---

# LA MORTO DE LA BOVO

PIERRE LOTI.

Meze de la Hinda oceano, dum malgaja vespero, la vento ekĝemis. El la dekdu bestoj, kiujn ni prenis en Singapore, du malfeliĉaj bovoj al ni restis. Oni ilin ŝparis, tiujn du lastajn, ĉar la marirado longiĝis, malhelpita de la malbona vetero. Du malfeliĉaj, malfortiĝintaj bovoj, malgrasiĝintaj, kompatindaj, kun haŭto jam disfrotita pro la ostelstaraĵoj kaj la ŝipbalanciĝo.

Jam de longe ili marvojaĝis tiel mizere, turnante la dorson al siaj herbejoj, kien neniu ilin neniam plu rekondukos. Oni ilin ligis mallonge, por la kornoj, unu apud la alia, kaj ili mallevis rezigne la kapon, ĉiufoje kiam ondego superakvigis ilian korpon per nova, tiel malvarma duŝo; kun okulo malgaja, ili remaĉadis malbonan fojnon, malsekigitan per salo. Komdamnitaj de antaŭe kaj senespere forstrekitaj de la vivantaj bestoj, ili devis ankoraŭ longe suferi antaŭ ol esti mortigitaj; suferi pro malvarmo, skuegoj, rigidiĝo, timo...

La vespero pri kiu mi parolas estis speciale malgaja. Surmare, tiaj vesperoj estas oftaj, kiam plumbkoloraj nuboj sin ŝovas ĉe la horizonto, kie la lumo ekmalaperas, kiam la ventovoĉo fortiĝas kaj la nokto aperas kun malbonaj antaŭsignoj. Tiam, sin sentante tute sola meze de la senfinaj akvoj, oni sentas nedifineblan premdoloron, kiun krepuskoj sur tero, eĉ en funebraj lokoj, neniam okazigas. Kaj tiuj du plendindaj bovoj, herbejkreitaĵoj, pli ekzilitaj ol la homoj en tiuj moveblaj dezertoj, ne havantaj kiel ni l'esperon, devis, malgraŭ sia limigita spirito, suferi la premdolorojn ĉiam sentitajn pro tiaj vidaĵoj, kaj en tio konfuze vidi la antaŭsignon de morto proksima.

Ili remaĉadis kun malrapideco de malsanulo, iliaj dikaj, malviglaj okuloj rigardantaj obstine tiujn minacajn marajn malproksimojn. Iliaj sortkunuloj, unu post la alia estis buĉitaj sur tiuj tabuloj, apud ili; de du semajnoj ili do vivis pliproksimigitaj pro sia izoleco, subtenante unu la alian, kaj interfrapante la kornojn pro amikeco.

Kaj jen individuo, ŝarĝita de la provizofico (tiu, kiun ni nomas surŝipe la provizejestro) supreniris al mi sur la ponteton, por min diri, per la kutimaj vortoj: «Kapitano, oni buĉos bovon.» La diablo lin kunportu, tiun provizejestron! Mi lin tre malafable akceptis kvankam li tute ne estis kulpa; sed vere, mi absolute ne havis bonŝancon. De post la komenco de tiu marvojaĝo la buĉado ĉiam okazis dum mia gardostaro!...

Kaj tio okazas precipe sub la ponteto sur kiu ni promenadas. kaj malgraŭ la volo deturni la okulojn, pensi pri aliaj aferoj ,aŭ rigardi la vastaĵon, oni ne povas deteni sin aŭdi la ekbaton de la bastonego inter la kornoj, meze de la mizera frunto tre malalte terenligita al buko, kaj poste la bruon de la besto falanta sur la ponto kun ostklaketo. Kaj tuj poste, ĝi estas senhaŭtigita, dispecigita; terura, naŭziga odoro foriĝas el ĝia ventro, kaj, ĉirkaŭe, la ŝiptabuletoj, kutime tiel puraj, estas plenaj de sangmakuloj, de malpuregaĵoj...

Do, estis la buĉadmomento. Rondo de maristoj sin formis ĉirkaŭ la buko, kie oni estis ligonta ĝin, kaj el la du kiuj restis, oni serĉis la pli malfortan, tiun, kiu preskaŭ estis mortanta, kaj kiu senkontraŭstaro sin lasos konduki.

Tiam, la alia malrapide ekturnis sian kapon, por ĝin sekvi per siaj malgajaj okuloj. kaj, vidante ke oni ĝin kondukis al tiu sama angulo de

malfeliĉo, kie ĉiuj antaŭuloj falis, ĝi komprenis: spiritlumeto aperis en ĝia malinteligenta remaĉanto-frunto, kaj ĝi aŭdigis plendan blekon. Ho! la krio de tiu bovo! ĝi estas unu el la plej funebraj sonoj, kiuj min ĝis nun kortuŝis, kaj ĝi estas samtempe unu el la plej misteraj aĵoj, kiujn mi aŭdis. — En ĝi oni povis distingi pezan riproĉon al ni, homoj, kaj ankaŭ kvazaŭan malĝojplenan rezignacion, ion nedifineblan, premitan, kvazaŭ ĝi profunde sentus, kiom ĝia ĝemo estis neutila kaj ĝia alvoko de neniu aŭskultita. Kun konscio de universala forlaso, ĝi ŝajnis diri: «O! Jes... jen la horo neevitebla por tiu, kiu estis mia lasta frato,kiu venis kun mi de tie,de la patrolando, kie oni kuris en la herbejoj. Kaj mia vico baldaŭ venos, kaj ne unu estaĵo en la mondo kompatos, nek al mi, nek al ĝi!»

* * *

O! jes, mi kompatis! Mi eĉ sentis frenezan malgajecon en tiu momento, kaj kompatmovo preskaŭ min puŝis al ĝi por preni ĝian dikan, malsanan kaj mallogan kapon, kaj ĝin premi sur mian bruston, agmaniero kiu estas unu el la plej naturaj al ni por ŝuli de protektiluzio tiujn, kiuj estas suferantaj aŭ mortantaj.

Sed, efektive, ĝi ne plu povis atendi ian helpon de kiu ajn,ĉar eĉ mi, kiu tiel bone sentis la superhoman malgajecon de ĝia krio, mi restis rekta kaj senmova sur mia loko, deturnante la okulojn... Pro bestomalespero, ĉu ne, oni ne ŝanĝigos la direkton de ŝipo kaj malebligos al tri cent-homoj, ke ili manĝu sian porcion da freŝa viando? Oni aspektus freneze, se oni nur unu minuton pri tio pensus!

Tamen, malgranda mastisto, kiu sendube ankaŭ estis tute sola en la mondo kaj neniam renkontis kompaton... aŭdis ĝian alvokon, aŭdis ĝin en la fundo de l'animo, kiel mi. Li alproksimiĝis al ĝi, kaj tre dolĉe ekkaresis ĝian buŝegon.

Li povis, se li estus prisonĝinte tion, ĝin antaŭdiri:

— Ili ja ankaŭ mortos, ĉiuj tuj, kiuj vin manĝos morgaŭ; ĉiuj, eĉ la plej fortaj kaj junaj; kaj eble la terura horo estos pli kruela por ili ol por vi,kun suferoj pli longaj; ili eble tiam estus preferintaj la bastonegfrapon sur la frunton.

La besto bone redonis al li lian kareson, rigardante lin kun bonaj okuloj, kaj lekante lian manon. Sed estis finite; la inteligentecflameto, kiu pasis sub ĝia malalta kranio estingiĝis. Meze de la funebra vastegaĵo, kie la ŝipo ĝin ankoraŭ ĉiam pli rapide kunportis en la malvarma ŝprucigo de ondegoj, en la krepusko anoncanta malbonan veteron, — kaj apud la korpo de sia kunulo, kiu nun estis amaso senforma da viando pendanta al hoko, — ĝi ekremaĉadis denove trankvile, la malfeliĉa bovo; ĝia malgranda inteligenteco ne laboris pli profunde; ĝi ne pensis plu pri io; ĝi ne plu rememoris...

Tradukis el franca lingvo,

**Lucette Faes - Janssens.**

# ESPERANTO FACILA

## LA FLORANTA KRISTNASKARBETO

de V. Vermeyen.

Iun tagon antaŭ Kristnasko la kastelestro, kiun liaj regatoj, pro lia abomena karaktero, nomis «Senkorulo» vidis la malriĉan balailfariston Kringel detranĉi maldikan abieton en lia arbaro kaj minacis lin je granda puno. Tamen la infanoj de Kringel estus havantaj sian kristnaskfeston!

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ......... ...

### ĈE LA BALAILISTO.

Vespere en la kabano de la balailfaristo brulis la kristnaska trunko, jam delonge rabotita por tiu okzao: la infanoj jubilis ĉirkaŭ la maldika kristnaskarbeto en kiu la patrino estis metinta nuksetojn kaj kuketoj, kaj ili ridegis pro ĝojo kaj sur la muro iliaj ombroj dancis en la ruĝa brilo de la flamo.

Subite ekfrapo sur la pordo.

Kringel malfermis kaj maljuna virineto eniris. La balailfaristo rapide ekfermis ĉar ventis froste, kaj ne demandante: «De kie vi venas?» aŭ «Al kie vi iras?» li diris:

Sidiĝu vin ĉe ni, virineto! —

Li ne devis ripeti ĉar la maljunulino streĉis la ostajn manojn al la fajro kaj frotis ilin de tempo al tempo kvazaŭ por iom varmigi ilin. Tio ŝajnis ja necesa ĉar la virineto aspektis iom elsekiĝinta, sed ŝi havis afablajn okulojn kaj oblikve rigardis la infanojn, kiuj estis alproksimiĝintaj, duontime sed tamen scivoleme.

La virineto estis invitata kunmanĝi la sobrajn manĝaĵojn kaj poste ŝi rakontis mirrakontetojn. Wim fine estis ekdormiĝinta sur la genuoj de patrino sed la aliaj fiksis la atenton sur la maljunulinon kaj buŝmalferme aŭskultis.

Rigardu, li sonĝas, subite Lize diris. Kaj ĉiuj observis Wim, kiu ridas dum sia dormo kaj kapteprenis ion per ambaŭ la manoj. Tiam la virineto leviĝis kaj solene diris:

Lia revo realiĝis.

Post tio, rapide kiel juna knabino, ŝi rapidis al la pordo kaj malaperis.

Ĵus Wim ekvekiĝis kaj diris al sia patrino, ke li estas ege laca ĉar li deprenis de la arbeto korbon plenan je nuksoj el oro, jes, ja, el pura oro.

La luno montriĝis de malantaŭ nubo kaj rigardis tra la fenestreto kaj ĉirkaŭlumis la loĝejon per sia hela brilo, ke ŝajnis klara tago kaj vidu! La kristnaskarbeto estis tute ornamita per briletantaj punktoj. Wim malpli ol la aliaj estis miranta, li ja ĵus tion revis.

Tie staris ja efektive kristnaskarbeto, kiu subite ekfloris per oraj

butonoj. La familio Kringel ne ĉesis miregi kaj estis tie dum la tuta nokto ĝojc, jubilo kaj ridado.

* * *

## ĈE GRAFO SENKORULO.

Ĉe Senkorulo tiun ĉi vesperon, dum trink-kaj manĝfesto subite la fera frapilo batis sur la pordo. Servisto malfermis la ŝovilon kaj vidis tra la metalreta fenestreto malgrasan virineton. Li enirigis ŝin en la antaŭdomon kaj demandis ŝerce, kion ŝi deziras, kiam akra voĉo kriis el la gastejo: Erik, tien ĉi, la ĵetkubojn!



Kliŝo de L. OPDEBEECK, eldonisto, Antverpeno.
E. VAN OFFEL desegnis.

La servisto lasis la virineton kaj rapide eniris, La porda estis ankoraŭ kvaron-malfermita kaj la virineto aŭdis Senkorulo-n ridi kaj diri: «Gardu vin, Gontram, ĉar mi sonĝis tiun ĉi nokton, ke mi kubludis kun vi kaj perdis mian kastelon kaj bienon... kaj vi scias, ke oni devas kredi pri revoj la malon.»

Tiam la maljunulineto proksimiĝis al la pordo kaj enigante sian mallarĝan vizaĝeton, ŝi diris per akreta voĉeto:

«Tiun ĉi fojon via revo realiĝos, Sinjoro!»

Antaŭ ol la mirigataj gastoj sin turni povis, la virineto jam estis for kaj frape fermis la eksteran pordon malantaŭ si.

Erik devis rakonti, kiel ŝi envenis kaj Senkorulo unue diable furiozis al li sed tiam diris:

«Oh kion povas fari al mi la babilaĉon de maljuna virinaro!»

Ili trinkis kaj kubludis kaj Senkorulo ludis bonege, ĉar liaj antaŭuloj, unu post alia, transdonis al li siajn ormonerojn kvazaŭ estis karottranĉaĵoj! sed malfrue en la nokto la sorto aliiĝis kaj ĉiu ĵeto malpliigis la gajnon. Senkorulo koleregis kaj drinkis, li ludis pligrandsume ol iam kaj li perdis dum tiu malfeliĉa nokto domon kaj bienon, tiel ke li nenion plu posedis ol ĉevalo kaj spado kaj sekvantan tagon foriris kun ili kaj neniam revenis.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

La kamparanoj ne multe bedaŭris tion: sed ili miregis, kiam Kringel aĉetis de la unua landestro la kastelon kaj de la alia la teron kaj li pagis per oro, kiu brilis kiel sunlumo kaj sonis kiel muziko.

Longajn jarojn poste — kaj eble ankoraŭ nun — la infanoj en tiu regiono kantis ĉirkaŭ ilia kristnaskarbeto:

Merimee, ho virinet'  
Kuketon manĝu nun kun ni!  
Florigu do sur la arbet'  
De ni, butonojn orajn, vi!

La sorĉvirinetoj nun treege maloftiĝas kaj en la infano-vivo ja ankoraŭ burĝonas oraj floretoj sed por grandaj personoj, ve: ne plu.

Tradukis el la flandra: TYNEVERUM.

## TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

ESPERANTO EN LA SERVO DE L'SCIENCO. — La uzo de Esperanto en la rondoj sciencaj de Japanujo pli grandiĝas. Antaŭ ne longe la Universitato de Nagasaki (Japan) sendis Prof. Dron Hazime Asada al Eŭropo, por fari enketon pri la div. metodoj de la aplikado de jurmedicino. Profesoro Asada uzas nur Esperanton por komprenigi sin dum tiu ĉi vojaĝo. Li jam faris paroladojn en tiu ĉi lingvo en div. urboj de Eŭropo kaj estas ravita pri la rezultatoj. Sekcia ĉefo de l'japana Trafika Ministerio, Profesoro Dro Ossaka faris la saman eksperimenton en Eŭropo kun la sama sukceso. I. E. S.

ESPERANTO EN LA INSTRUADO. — La Instituto Meschini, havanta lernejojn en ĉiuj urboj de Italujo metis Esperanton en sian programon. La rekomendo farita per dekreto speciala de l'Prusa Ministerio de Publika Instruado en 1922, la reform-realgimnazio de Sprottau en Silezio enkondukis la instruadon de Esperanto en la tri superajn klasojn. La Popola Komisariejo Armena en Ervian (Armenio) permesis la enkondukon de Esperanto en ĉiujn superajn klasojn de la perfektigaj lernejoj. I. E. S.

ESPERANTO EN RADIO. — En sia jara kunveno en Lausanne la Generala Kunveno de la Internacia Unio de Radiofonio alprenis rezolucion, rekomendantan la uzon de Esperanto en Radio. La Konsilantaro de tiu ĉi Unio ĵus konfirmis ĉi tiun decidon per nova rekomendo en sia kunsido, kiu fine de septembro okazis en Como (Ital.). Ĝis nun la sekvantaj stacioj jam komencis apliki la rezolucion de Lausanne: Zurich (serio de paroladoj), Kopenhago, Kalundborg, Stuttgart (relajso Freiburg), Breslaŭ, Barcelona 5EAJ 1), Radio - Belgique ,Bruselo (anoncado de l'semajna programo), Koenigsberg (relajso Danzig), Tallinn (Estonio), Genève, ne kakulante ĉiujn staciojn, kiuj donas kursojn per Radio.

Paroladoj en Esperanto estis disaŭdigitaj de l'stacioj de Shanghai (Ĥinujo), Stockholm (11, 19, & 20.9), Oslo 23.8., 6.9), Danzig (30.7), Varsovio (5.8), Brisbane, Aŭstralio (16.8, 1, 6, 15 & 20.9).

Radio - Genève ĵus komencis novan Esperanto - kurson (ĉiuĵaŭde); la stacio de Nagoja JOOK (Japan), dissendis la unuan esperantokurson per Radio en Japanujo la 20.9. La stacio de Hamburg (relajso Bremen-Hannover), samkiel la rusaj postenoj de Harkow (ĉiumerkrede), Leningrad (ĉiuvendrede), Moskva (ĉiutage) kaj Odessa (ĉiumerkrede) daŭrigas siajn disaŭdigojn regulajn en Esperanto. I. E. S.

LA JAPANA FERVOJARO KAJ ESPERANTO. — Ĵus aperis en Japanujo verkaĵo, kiu montras, ke oni pli kaj pli uzas Esperanton. La ministerio de l'fervojoj en Tokio eldonis en Esperanto belan volumon artan pri Japanujo, destinita por faciligi la vojaĝojn en tiu ĉi lando, donante al la eksterlandanaro ĉiujn utilajn informojn. I. E. S.

LA TURISMO KAJ ESPERANTO. — La oficejoj de turismo daŭrigas publikigi prospektojn ktp. en Esperanto. Lastatempe la urboj de Budapest, Albertville (Alta Savojo), Banurbo Norderney (Germanlando), Padova, Koeln (2a eldono), Wiesbaden (2a eldono), Zutphen (Nederlando) eldonis gvidlibrojn en Esperanto. La Turisma Centro «ĉedok» en Praha faris same por konigi en eksterlando la regionon de l'Tatro.

I. E. S.

ESPERANTO EN SUDAMERIKO. — La Esperanto-movado en Sudameriko reprenas sian antaŭ-militan etendiĝon. En Peruo kaj en Paragvajo oni ĵus formis naciajn societojn por la propagando de Esperanto. En Ĉilo nacia societo estas en formado. De post kelkaj jaroj jam la

Brazila Ligo Esperantista troviĝas en la unua vico de l'transmara esperanto-movado.

La granda franca arkitekto Agache, vizitante Brazilon, ĵus faris plurajn paroladojn en Esperanto pri urbkonstruo antaŭ multnombra aŭditorio. I. E. S.

**LA STENOGRAFIO KAJ ESPERANTO.** — Doktoro F. v. Kunowski, la kuraĝa pioniro por vera popola stenografio kaj unu el la plej rimarkindaj kapoj de la germanaj kreintoj de stenografio, publikigis, antaŭ ne longe, tre interesan projekton de internacia stenografio. Por faciligi la disvastigon de siaj ideoj la aŭtoro uzis Esperanton en sia publikigaĵo.

La ĉefparoladoj en Esperanto kaj la alparoloj en germana lingvo de la ne-esperantista delegitaro dum la 19a Universala Kongreso de Esperanto en Danzig estis postkribitaj laŭ la germana sistemo Stolze-Schrey. I. E. S.

---

# GRANDA SUKCESO DE ESPERANTO EN HOLANDO

## INSTITUTO SCHOEVERS.

La granda sukceso pri kiu ni intencas diri kelkajn vortojn estas la rekta, senpera sekvo de la Esperanta agado dum la 13a Internacia Kongreso de stenografio okazinta en Bruselo dum Aŭgusto lasta.

Inter la ĉeestintoj de la «publika diskutado» farita dum la fina ĝenerala kunveno, estis Sro A. A. Schoevers, kreinto kaj direktoro de la tre favore konata Instituto Schoevers, kiu posedas ĉefan domon en Hago kaj du filiojn en Amsterdam kaj Delft. En tiu Instituto estas instruataj modernaj lingvoj, steno-daktilografio kaj librotenado.

Sro Schoevers, aminda kaj entuziasma 36-jarulo, estis, post la dirita diskutado, konvinkita pri la meritoj de Esperanto kaj tuj li decidis enkonduki la lernadon de la lingvo internacia en sian Instituton.

Nu, ne nur li starigis kurson en la Instituto de Hago mem, sed li ankaŭ donigis radiokurson elsenditan de la nova Stacio Huizen. Profesoro estas Sro Heilker, lernejestro en Hoofddorp.

Mardon la 8an de Novembro nia mondfama samideanino, S-ino C. J. Isbruecker, faris, por la Instituto, propagandan paroladon en «Café Riche» (Hago), kun granda sukceso: la Hagaj ĵurnaloj «De Nieuwe Courant» kaj «Het Ochtendblad» raportis tute favore pri ĝi.

Sro Schoevers anoncis la Esperantan radio-kurson per propaganda flugfolio, inter siaj ceteraj radio-kursoj, kaj krom tio, li verkis bonegan kvarpaĝan propagandilon por nia lingvo en kiu li anoncas la kurson en la Instituto mem.

La sukceso de ambaŭ kursoj estas vere grandega: por ambaŭ kune sin enskribigis almenaŭ 3000 gelernantoj!!

Ni tutkore gratulas nian tiel lertan kaj ageman novan samideanon, Sro Schoevers, pro tiel brila rezultato, akirita post nur kelksemajna propagando, kaj ni esperas, ke lia estonta agado por nia lingvo daŭrigos kun sama sukcesego?

Ĉu la «Internacia Asocio de la Esperantistoj-stenografistoj» kiu iniciatis la kreadon de Esperanta sekcio de la kongresoj de stenografio ne meritige agis siaflanke?

L. C.

---

# ESPERANTO KAJ STENOGRAFIO

## DISDONO DE PREMIOJ.

Dimanĉon la 23an de Oktobro 1927 okazis en la brusela Palaco de l'Akademioj, antaŭ multnombrega ĉeestantaro, la solena kaj oficiala disdono de la premioj al la gelaŭreatoj de la kursoj de l' Belga Reĝa Instituto de Stenografio kaj de l'Unuiĝo de l' Stenografoj. La ceremonio estis prezidata de S-ro De Kesel, ĉefinspektoro, delegita de l' Ministro de l'Industrio, de l' Laboro kaj de l' Socia Antaŭvido. Ĉeestis ankaŭ Sro Blum, Skabeno de l' Publika Instruo de Schaerbeek, krom ĉiuj geprofesoroj de ambaŭ Societoj.

Post la paroladoj de ties prezidantoj, Sroj de Baerdemacker kaj Lieckens kaj la respondoj de la du oficialuloj, komenciĝis la longa disdonado de la diplomoj, medaloj kaj arĝentaj honorpokaloj. Oni tre aplaŭdis la novan stenografian kampionion de l'Instituto, F-inon Jeanne Vandercam kaj diversajn el ŝiaj kungelernantoj, kaj ni citu aparte la kvin gelaŭreatojn de l' Esperantokurso de Sro Dro Kempeneers: F-inoj Meuter Jeanne kaj De Lantsheere, Sophie akiris diplomon kun «granda distingo»; Sro Van Eepoel, Hubert. F-inoj Lieckens Maria Therèse kaj Meuter Laure, kun distingo.

Estas rimarkinde, ke tiuj gelaŭreatoj Esperantistaj ricevis siajn diplomojn el la manoj de l' oficiala delegito de l' Ministro.

Belga Esperantisto kore gratulas la kvin gelaŭreatojn kaj ilian lertan profesoron.

---

# BIBLIOGRAFIO.

KONGRESLIBRO SOLLER — JUNIO 1927. — Libro de la 14a Kongreso de Kataluna Eperantista Federacio. 72 paĝoj 12.5 × 17.5 cm. kaj 32 paĝoj kun ilustraĵoj. Bele prizorgita kongreslibro. Ĝi enhavas historian skizon pri la urbo Soller, klarigojn pri la urba vivo kaj ĝia turisma graveco; krom tio pri la kongreso; programon, membraron, k.t.p. La tuta aranĝo de la libro estas bela kaj bona.

BIBLIOTEKO TUTMONDA. (Dua serio.) Eldonejo Rudolf Mosse, Berlin:

Noj 11—12: GREKAJ PAPIRUSOJ. Kompilis kaj tradukis Dro Julius Pennorf. 112 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 7.00. — La unua ĉapitro enhavas detalojn pri la retrovado, la serĉesplora metodo, la konservado kaj deĉifrado, la enhavo, la fabrikado kaj uzado kaj pri la fakliteraturo de la papirusoj. La dua ĉapitro donas tradukaĵojn de diversspecaj papirusoj retrovitaj.

Noj 13—14. — LA VOJAĜOJ KAJ MIRIGAJ AVENTUROJ DE BARONO MUNCHAUSEN. El la Angla tradukis J. D. Applebaum. Unua Volumo. 88 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 7.00. — Verko bone konata en la tuta mondo. Traduko bone farita de sperta samideano, kiu majstre uzas nian lingvon.

Noj 15 — 17. — LA KAPITANFILINO. Romano, de A. S. Puŝkin. El la Rusa tradukis M. Ŝidlovskaja. 176 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 10.50. — La tradukintino, kiu jam prizorgis al la Esperantistaro kelkajn verkojn el la Rusa literaturo, aldonis tiun ĉi novan perlon. La romano estas interesa kaj rekomendinda. Legado de tiaj libroj estas plej efika kaj samtempe plej agrabla maniero por perfektiĝi en Esperanto.

Noj 18 — 19. — LA HOMA LINGVO, de W. E. Collinson, M. A., Ph. D., L. K., Profesoro de germana lingvo kaj honorofica docento de lingvoscienco en la Universitato de Liverpool. 96 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: 7.00. La aŭtoro sukcesis prezenti al ni sciencan temon en agrabla, nepedanta stilo. La libro enhavas jenajn ĉapitrojn: La naturo de la lingvo, Skizo de fonetiko, La bestaj krioj, La infana lingvo, Lingvaj ŝanĝoj, Disiĝo kaj unuiĝo, Fremdaj influoj, Lingvo kiel karakterizilo de la parolantoj, La klasifiko de la lingvoj.

No 20. — BONHUMORAJ RAKONTOJ, de Janusz Korczak, el la Pola tradukis Anna Weinstein. 64 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 3.50. — Tiu libreto enhavas 8 rakontojn, kiujn ni preferus nomi satiroj, cetere trafaj kaj akraj. Traduko zorgita.

Tiu dua serio de Rudolf Mosse reprezentas novan argumenton por la uzo diversflanka de nia lingvo. Ampleksa mendado estu ioma rekompenco por la grandaj zorgoj de la eldonisto, kiun ni sincere gratulas pro lia bela laboro.

ESPERANTO - EXAMENOPGAVEN. Verzameld door J. C. Isbruecker-Dirksen. 2e vermeerderde druk. Eldonis la aŭtorino. 1927. 64 paĝoj 13.5 × 21 cm. — Prezo por Belgujo: Bfr. 3.50 (Nur kelkaj ekzempleroj haveblaj de «Belga Esperanto - Instituto», Antverpeno). — La libro konsistas el granda kolekto de bone elektitaj prozaĵoj, poeziaĵoj, kaj frazoj enhavantaj iun aŭ alian malfacilaĵon por la traduko en Esperanto. Tiu materialo estas kolektita el diversaj ekzamenoj por simpla kaj por profesora diplomo, en Nederlando. — La libro estas uzebla ne nur por organizo de aliaj ekzamenoj sed ankaŭ por ekzercoj ĉe lernantoj jam iom progresintaj. Ĉiuj profesoroj de Esperanto kiuj konas la Nederlandan lingvon utile uzos tiun verketon.

DANCO DE SKELETOJ. FONTO DE SUDROJ. NOKTO ĈE LANDLIMO. Tri dramoj originale verkitaj en japana lingvo de Uĵaku Akita, kun permeso de la aŭtoro tradukitaj de Haĵime Ŝuzui kaj Kaname Susuki. Eldonis 1927 Japana Esperanto - Instituto, Tokio. 76 paĝoj 11 × 15 cm. Prezo: Bfr. 8.75 — Interesaj por nia movado estas la tradukaĵoj el la ekstereŭropaj literaturoj. Tiuj ĉi estas bone tradukitaj. La libro vekos intereson ĉe la Esperantistaro kaj estas rekomendate al ĝi doni lokon en ĉiu ekzistanta biblioteko por Esperantistaj. La aŭtoro de la teatraĵoj estas fervora samideano kaj ĉiam klopodas propagandi Esperanton en Japanujo.

---

LASTTEMPE ELDONITAJ INVITOJ DE KOMERCAJ FOIROJ:

FOIRO DE FRANKFURT a.M. Printempo 1926 (11-14 Aprilo). Aŭtuno 1926 (26-29 Sept.)

10a SVISA SPECIMENA FOIRO. BASEL 1926. 17-27 de Aprilo.

INTERNACIA EKSPOZICIO PRI RIVERA NAVIGADO KAJ UZO DE HIDRAULO FORTO. Basel Sept. 1926.

LEIPZIGA MONDFOIRO: Aŭtuna Foiro 29a Aug. — 4Sept 1926); Teknika Foiro (29 Aŭg. — 8 Sept. 1926).

LEIPZIGA PRINTEMPA FOIRO 1927: Ĝenerala Specimenfoiro, Foiro por Ŝuoj kaj Ledaĵoj, por Teksaĵoj kaj por Tekniko (6-16 Marto 1927).

16a INTERNACIA FOIRO DE FRANKFURT.Printempo 1927 (27-30 Marto kun speciala ekspozicio de la grupo Konstruado: «La Nova Loĝejo kaj ĝia interna Finkonstruo» de 27 Marto ĝis 10 Aprilo.

LEIPZIGA AUTUNA FOIRO 1927 (28 Aŭg. - 3 Sept.) Invito kun listo de komercaj branĉoj.

19a UNIVERSALA KAJ INTERNACIA FOIRO DE PARIS (14-29 Majo 1927).

LYON'A INTERNACIA FOIRO, kiu funkcias dum du semajnoj, de la 1-a Lundo de Marto. Sorbpapera prospekto kun koverto enhavanta 10 ilustritajn poŝtkartojn kun Esperanta teksto.

Pri la laŭebla havigo de tiuj prospektoj kaj invitoj al la Esperantistoj en Belgujo sin okupas speciale la «Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo», sekretario: Sro G. Vermandere, 18, Vleminckxstrato, Antverpeno.

---

KATALOGOJ DE ESPERANTO-ELDONEJOJ, k. c.

SUDGERMANA ESPERANTO-ELDONEJO OSKAR ZIEGLER, Deisenhofen apud Muenchen. Esperanto-Katalogo Nro 10. Julio 1927.

LITERATURA INFORMILO eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Nro 4, Somero 1927.

ESPERANTO WOERTERBUECHER. Speciala prospekto kun speci-

menfolioj de la diversaj Esperanto-vortaroj eldonitaj de la Firmo Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig C. 1.

ESPERANTO LEHR- UND LESEBUECHER. Speciala prospekto pri la multnombraj lerno- kaj legolibroj eldonitaj de tiu sama firmo.

ESPERANTO KATALOGO, Julio 1927, de la firmo Rudolf Mosse, Berlin S. W. 19.

PREZARO, Sept. 1927, de Hungara Esperantista Societo Laborista - Librovendejo, Budapest VIII, Jeszef — Korut 8, Szam, melet 3

BOOK-LIST, October 1927, de British Esperanto-Association (Inc.), 142 High Holborn, London, W. C. 1.

ESPERANTO - ADRESSLIPOJ, tuj uzeblaj por banderoloj, pakaĵoj, leteroj, katalogoj, k.t.p. Eldono C., 34 adresoj de la plej gravaj Esperanto - Institucioj kaj komercejoj. Prezo Kĉ. 2.— (Bfr. 2.20). Aĉeteblaj ĉe A. Neupert, Wedellstrasse 17, Leipzig N. 23, Germ.

WAS DER GEBILDETE UEBER ESPERANTO WISSEN MUSS. — Tre praktika 8paĝa propagandilo germana por Esperanto. Ĝi enhavas: Bonegan pledon por nia lingvo, la gramatikon, proksimume 1300 radikojn kun germana traduko, fine katalogon de la lernolibroj kaj vortaroj eldonitaj de la firmo Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.

APRENDA EL ESPERANTO EN SU CASA! — Propagandilo hispanlingva eldonita de Argentina Esperanto Asocio, Buenos Aires. 4 paĝoj. Instigo al hejma studado de nia facila Internacia Lingvo.

## AL NIAJ LEGANTOJ

Tiu ĉi numero estas la lasta de la jarkolekto 1927. Dum la pasinta jaro ni sukcesis, dank'al laŭcela kunlaboro de la plimulto de la Belgaj grupoj Esperantistaj, eldoni pli regule nian gazeton kaj doni pli da paĝoj ol ni promesis: la unuan fojon post la milito ni atingis paĝonombron 230 en 10 kajeroj.

Ĉiu faru ankoraŭ novan puŝon kaj proksiman jaron ni ree havos niajn antaŭmilitajn 11 kajerojn kun almenaŭ 250 paĝoj!

Por ebligi al ni, senprokraste starigi niajn listojn de abonoj por la jaro 1928 kaj organizi rapide kaj praktike nian sendoservon, ni petas, ke la grupestroj tuj prizorgu la repagon de la kotizoj kaj resendu al ni duekzemplere siajn listojn, kiujn ili ricevos de la Liga kasisto. Por faciligi nian administran laboron, ili nepre uzu tiujn oficialajn formulojn.

La membroj de niaj ligaj grupoj bonvolu kiel eble plej baldaŭ pagi sian kotiz-abonon al sia grupa kasisto kaj la izolaj membroj pagu rekte al la poŝtĉekkonto No 399.84 de Sro F. Mathieux, Bruselo (kasisto de Belga Ligo Esperantista).

La Komitato de Belga Ligo Esperantista kaj la administracio de «Belga Esperantisto» prezentas al siaj membroj kaj legantoj

PLEJ KORAJN BONDEZIROJN !